42 Num. Madrido - Julio-Aŭgusto - 1920 IV Jaro.




**ILUSTRITA REVUO MONATA**

**Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj,,**

S-RO MANUEL BENAVENTE †

**Matematika Profesoro kaj Komponisto. Antikva kompetenta kaj nelacigebla pioniro de Esperanto en Murcia**

# PRI LA XII.ª

Proksimume ĉeestis la Kongreson kvarcent geesperantistoj el 23 nacioj, kaj Hispanujo estis reprezentata de dekdu personoj. La entuziasma kaj nelacigebla samideano de Tarrasa S-ro Chaler parolis kaj salutis je la nomo de la hispana Esperantistaro kaj la malnova kaj sperta Esperantisto, tre konata de la tutmonda Esperantistaro, S-ro Perogordo, parolis kiel delegito de nia Militministro kaj kiel reprezentanto de la Hispana Ruĝa Kruco.

Estis rimarkinde kun bedaŭro, ke malmultaj antikvaj Esperantistoj, ĉeestintaj antaŭajn Kongresojn, ne ĉeestis la XII.an Morto forrabis multajn. Malfavoraj cirkonstancoj malebligis ĉeeston de aliaj; sed entuziasmo de la novaj esperigas la korojn.

La kongresanoj ĝuis teatraĵon, balon, koncerton kaj belegan ekskurson tra la Holandaj lagoj, kaj ĉiam kaj ĉie «interna ideo» plene regis.

Entuziasmo, agemeco, ardo prezidis la laborajn kunvenojn pritraktintajn organizon de la direktantaj oficialaj centroj por plej efike celi labori por la disvastigo de Esperanto, por la propagando plej efika, kaj por ke la Lingva Komitato akcelu viglan laboron kaj kiel eble plej rapide fari ĉion koncernantan verkadon de teĥnikaj vortaroj decaj por ĉiuj sciencfakoj. Por ĉio ĉi tio oni nomis komitaton el sep membroj: du de la Centra Oficejo, du de U. E. A., kaj S-roj Arnold (Germano), Puncet (Franco) kaj Pech (Anglo); la Komitato pretigos ĉion necesan por plenumi la taskon, aperigos sur la gazetoj Esperantistaj proponojn dum la proksima printempo por ke la Esperantistaro konu rezultaton de ilia studado kaj aprobu konkludojn dum la XIII.ª, kiu okazos laŭ decido de la XII.ª en *Praga* (Ĉekoslovakio), tial ke la valuto en ĉi tiu nacio estas malalta kaj estas centra lando alirebla, kaj kun la intenco aranĝi postkongreseton kaj pilgrimon al tombo de la Majstro, en Varsovio.

Jen la novaĵoj kiujn ĵus ni sciis pri la XII.ª kaj ni finas per konsilo al ĉiuj hispanaj Grupoj: La XIII.ª estos tre grava kaj tre interesa, kaj estos tre konvene ke ĉiu hispana Grupo sendu reprezentanton. La afero ne estas malfacila. De nun grupanoj donacos ĉiusemajne, ĉiumonate, malgrandan kotizaĵon por kolekti monsumon, kaj ankaŭ el grupaj kotizaĵoj oni elkalkulos iom por la Kongresa kapitaleto ĉiumonate; la Grupoj celos atingi de samurbanoj, de urbaj Societoj, de Urbestraroj, k. c., monhelpon por la entrepreno. El la sumo kolektita oni pagos al delegito aŭ delegitoj (laŭ sumo atingita) fervojbileton kaj ĉtutagan elspezon modestan, la plej modestan, laŭ oni scios per la programo kaj klarigo, kiujn faros la Kongreskomitato. Oni lotos delegitecon aŭ delegitecojn inter la Grupanoj, kaj se ne ĉiuj partoprenis la monkolekton, inter la partoprenintoj, kaj estos kondiĉo nepra por esti delegito paroli Esperanton, sed sufiĉos ke oni parolos iom bone. Ĉi tio ankaŭ estos certe stimulo por lerni Esperanton. La malalta valuto de la ĉekoslovaka monero ebligas mian ideon. Antaŭen karaj kamaradoj! Ne lasu por morgaŭ tion, kion oni devas fari de hodiaŭ!

---

# Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj

Unue iom da historio. En katatunlando gravega estis iam la Esperanta movado, sed bedaŭrinde la milito verŝis ĉiajn maldocaĵojn en multajn korojn kaj la AFERO minacis plene renversiĝi: Esperantistoj laciĝis, senesperiĝis; Grupoj, Societoj, disiĝis, same kiel ĉie. Malmultaj staradis, el tiuj ĉi, kun plena entuziasmo, kun granda fervoro, ne perdinta eĉ iom da forto, la *Barcelona* grupo «Paco kaj Amo»; el la disiĝintaj, estis la grupo «Fajro», stranga grupo, speciala grupo, kiu nur povas konsisti el dekdu membroj aktivaj krom iuj honoraj, grupo formita kvazaŭ de dekdu apostoloj de Esperanto,

iuj jam forlasintaj nin. La *apostolaro* «Fajro» reekflamiĝis, la sankta «Fajro» de nove ekbruliĝis; samtempe esperantaj cindroj *Barcelonaj* ekmoviĝis kvazaŭ la fajro ne estis plenstingita. «Fajro» eksplodas laŭ iniciativo, bruligas ceterajn anarojn kaj post kvin monatoj de intensa, mirinda kaj efika laborado burĝonas esperantarbo ree, la burĝono promesanta abundan frukton estis la sukcesinta UDKEILO, ĝi fariĝos matura frukto esperiga en *Zaragoza* proksima printempo.

— UDKEILO sukcesegis! La organizado, la laborado, ĉio koncernanta ĝin, meritas multajn slipojn. Unu el la plej grandaj kaj gravaj rimarkindajoj estis, ke la Komitato redaktis librojn kvazaŭ serioza granda firmo; ĉiuj aferoj aperas diafane sur la libroj eĉ la elspezo de centimoj, kaj ĉi tio estis gravega, ĉar estis efika propagandilo kaj allogilo inter la neesperantistoj, konvinkilo pri seriozeco, kuraĝigilo por la samideanoj.

La 26.an Junio, sabato, je la 22.a en «Ateneo Enciclopédico», S-ro Ricardo Crespo de «Paco kaj Amo», antaŭ multenombra ĉeestantaro, parolis hispane pri Esperanto, li sukcesis, kaj tuj oni malfermis la belegan, riĉan kaj bone kaj arte aranĝitan ekspozicion esperantan.

Je la 27.a matene okazis akcepto de *Udkeilanoj* kaj je la 17.a malfermo de la Kongreso en la granda kaj luksa salono de la gravega Societo «Fomento del Trabajo Nacional». Prezidas S-ro Rómulo Rocamora, prezidanto de la organizinta Komitato kaj ocupas lokojn apud li: Kanoniko kaj Doktoro Bruguera, reprezentanta la Episkopon; D-ro Manuel Maynar, Advokato kaj Eksurbkonsilanto de Zaragoza; Komandanto Julio Mangada Rosenörn; Doktoro Bartomeu, delegito de la gravaj Societoj «Amigos del País» kaj «Colegio de Farmacéuticos». Estis sekretarioj S-ro Gorgues, delegito de U. E. A. en *Barcelona* kaj S-ro Anglada Prior. La prezidanto kun emocio granda antaŭ la granda ĉeestantaro aŭguranta la sukceson bele paroletis katalunlingve por malfermi Udkeilon. La sekretarioj unu post la alia, mirigas la aŭskultantaron per legado de la dokumentaro konstatanta la neatenditan sukceson, ĉar ĉiuj gravaj Barcelonaj Societoj kaj Aŭtoritatuloj aliĝis, kiel aliaj eksterurbaj, urbestraroj de *Barcelona, Tarragona, Lérida, Tarrasa, Sitges, Manlleu, Figueras, Olot,* k. t. p. Poste parolis por saluti la kunvenantoj: S-ro Mangada, esperante unue, poste hispane, interpretante la senton de la Esperantistoj iberiaj loĝantaj en Ameriko, tial ke li naskiĝis en Kubo kaj ankaŭ je la nomo de «Zamenhofa Federacio» kaj HISPANA ESPERANTISTO; S-ro Maynar, esperante kaj hispane, je la nomo de Aragona Federacio, kortuŝas la aŭskultantaron per sentigaj frazoj tre aplaŭditaj; S-ro Bartomeu, esperante kaj katalune, elokvente esprimas fratigajn sentojn. Fine, S-ro Rocamora, Advokato kaj Nacia Instruisto, per emociiga elokventa parolado flua katalune elmontras programon, esencon kaj kialon de la Kongreso, ĝiajn celon, signifojn kaj laborojn faritajn. Parolado rimarkinda ofte interrompita de ĝenerala aplaŭdado.

Je la 22.a horo S-ro Roberto Bassas, Advokato kaj Licenciato pri Filozofio kaj Historio, en la arta, luksa kaj granda salono de antikva palaco, hodiaŭ sidejo de la Societo de Advokatoj, artaĵo vizitinda, disvolvis la temon «Internaciaj aferoj, Juro internacia kaj helpa lingvo sendependa je ĉia regeco, kiel organo esprimanta la leĝojn, interkonsentojn kaj kongresojn internaciajn.» S-ro Bassas legis la hispane verkitan temon, kiu interesis la aŭskultantojn profunde, ĉar la verko estas majstra kaj publikiginda.

Lundon 28.an matene kaj vespere estis ekskursetoj al belegaj kaj pentrindaj ĉirkaŭaĵoj kaj vizitoj al muzeoj. Rimarkinda estas la kolekto de «La Kiĥoto», konsistanta el multenombraj eldonoj en diversaj lingvoj; ĉi tiu kolekto estas la plej komplena ekzistanta.

Je la 22.a horo en la granda salono de l' Ateneo Barcelonés, ĉe arta domo antikva, S-ro L. Ribera Rovira, Advokato, Verkisto kaj Portugalamanto, parolis katalune, elokvente, interese, tre fundamente kaj sukcese pri la temo «Esperanto kiel ilo fratiganta la

iberiajn popolojn». Ofte aplaŭdoj haltigis lian ardan parolon.

Hazarde, la ĵus parolinto koincidis kun la temo prezentita de S-ro Mangada, kaj la koincido incitis ĉi tiun peti je la prezidanto la parolon kaj legi la temon. Tial, S-ro Mangada faris paroladon hispane, kiun varme aplaŭdis la aŭskultantoj, kaj legis la temon pritraktantan unuiĝon de iberiaj Esperantistoj por formi Ligon (estonta bazo de efika Lígo de Nacioj) akceptante kiel programon, tiun de la Majstro—«Deklaracio pri Homaranismo»—kaj projekton de la novazelandano H. E. Hyde por starigi Internacian Parlamenton, el tiu ĉi Internacian Tribunalon, kaj Internacian Militistaron, kiu altrudos decidon de la Tribunalo al nacio aŭ nacioj preta aŭ pretaj je milito, per la forto de la armilo kiam estis malsukcesintaj jam ĉiaj aliaj peroj, pacaj. Uuuanime sin decidis akcepti la proponon.

Mardon 27.an, je la 10.ª, la Industria Inĝeniero kaj profesoro de la Lernejo por Industriaj Inĝenieroj, S-ro José Manyás Bonvi, en salono de la Universitato, legis hispane verkon pri «Kiel Esperanto interesos teĥnikistojn kaj sciencistojn, ne atentante pri alia ajn utileco ĝia, pri ĝia «interna ideo» kaj pri ĝia efiko por ĝenerala interkomunikiĝado». Belega kaj interesa temo kiun premiis aŭskultantoj per aplaŭdoj, sed S-ro Manyás falis en erarojn tial ke li dediĉita ekskluzive al sia posteno, ne povis atenti pri la gravaj progresoj de Esperanto kaj argumentis naive, kaj facile oni povis refuti lin. Poste oni fermis la Kongreson kaj proklamis la «ĝeneralajn konkludojn akceptitajn».

Krom ĉio dirita oni diskutadis aferojn pri organizado, pri kunlaborado, ĝenerale, pri akceto de Esperanta Triumfo, kaj ĉiam konsento regis.

Konkludoj:

Por ĉio koncernanta la konvenon intensigi enkondukon de Esperanto por la Literaturo:

1.ª La genia kreitaĵo de D-ro Zamenhof entenas kondiĉojn kaj garantiojn por traduki ĉiajn literaturajn verkojn kaj konservi al ĉi tiuj ilian propran parfumon kaj originalecon dank' al fleksebleco kaj precizeco de Esperanto.

2.ª La verkoj tradukitaj (Hamlet, Eneida, k. c.) konstatas la antaŭon kaj portas nin al la konkludo; kiam poetoj kaj literaturistoj scios Esperanton, ili mem povos, skribinte siajn verkojn en siaj naciaj lingvoj, traduki ilin Esperante, kaj doni al la tradukaĵo la saman stilon, la saman esencon, la saman animon, kiujn havas la verko en patra lingvo.

3.ª Por atingi la progreson de Esperanto en la Literaturo, estas necese kaj urĝe kunigi izolitajn Esperantistojn, traduki Esperante la verkojn famajn de geniuloj diversnaciaj kaj eldoni ilin; sekve, fari la propagandon decan, komunikinte al Grupoj kaj Esperantaj Institucioj la taskon efektivigitan kaj efektivigotan.

Ekzameninte atenteme la aferojn koncernantajn intensigi Esperanton por la internaciaj rilatoj komercaj, oni decidis:

1.ª Esti konvene sin turni al Komercaj Ĉambroj kaj similaj organismoj rimarkigante al ili, ke por korespondado kaj rapideco pri solvo de la negocoj estas nepre necese akcepti komunan helpan lingvon, sendependan je ĉiu regeco sammaniere kiel estis akceptata la decimala sistemo metra.

2.ª Konveno peti atenton al oficistoj de bankoj, borsoj, financaj, komercaj kaj industriaj firmoj pri akcepto de Esperanto kiel taŭga kaj efika lingvo por interkompreniĝo komerca, financa kaj industria.

3.ª Konveno sin turni por la samo antaŭa al publikaj, oficialaj kaj privataj, financaj organismoj rimarkigante de la vidpunkto de universala utileco publikigi nacilingve kaj Esperante samtempe ĉiajn decidojn pri impostoj koncernantaj aŭ iam koncernontaj eble fremdajn landojn.

4.ª Konveno proklami internacian monertipon («la Spesmilon»), kaj rilatigi ĝin kun ceterajn naciajn monerojn publikigante Esperante tabelon pri ekvivalentoj.



KAPITELO REPREZENTANTA LA VESPERMANĜO

(San Juan de la Peña)

Pri labaro por kaj pro Esperanto ĝenerale, stato kaj organizo de Grupoj, Societoj, Federacioj, Konfederacio kaj oficiala organo por la propagando, oni decidis lasi la aferojn same kiel nun estas, rekomendante aktivan laboradon kaj reciprokan helpon por ke DUDKEILO (La Dua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj) je 1921 en *Zaragoza*, bazigu firman kaj potencan Konfederacion; kaj kelpi HISPANA ESPERANTISTO'N per memvolaj abonoj ĉi tiujn rekomendante.

Kiel finan konkludon, la Udkeilanoj decidis:

Sin montri komformaj je neceso por ke la starigota Konfederacio Iberia prenu sur sin nelacigeble la taskon akceptigi Esperanton por ĉiaj internaciaj rilatoj, kaj kun antaŭa interkonsento kun fremdaj Esperantistaj Institucioj, peti je la ŝtatregantoj ke ĉi tiuj leĝdonu «la akcepton», por kio oni kunvenigos en Internacia Konvencio eminentajn Esperantistojn de la Mondo, Konvencio petonta la akcepton oficialan de Esperanto «kiel helpa lingvo dua por ĉiuj, kaj ke venonta kunveno decidu oportunecon de la entrepreno.

Je la 2.ª 1/2 post tagmeze, okazis ekskurso al Tarrasa Ekskursantoj kaj «tarrasaj» gesamideanoj, pli ol cent, vizitis la gravegan Lernejon pri Artoj kaj Metioj, Institucio honoranta la urbon, vizitinda Lernejo pro kiu tarrasanoj devas sin senti fieraj.

Poste estis festa kunveno en la grupejo de «Lumon» kaj festeneto okazis. Estis entuziasmaj varmaj paroladoj elokventaj de S-roj Serrat (katalunlingve) kaj Maynar (hispane), kaj S-ro Mangada per parolo plena je fervoro je fido pri la triumfo de nia «sankta afero», plena je «interna ideo», esperante kuraĝigis kaj emociigis la aŭskultantaron, kaj tial ke la raportanto alvenis diri ion pri partopreno de S-ro Mangada, preferinde estos kopii tion kion diras «Monata Bulteno» de Aplech, «Esperanta Grupo» de Sabadell: «Unu el plej simpatiaj rimarkindajoj de Udkeilo estis ĉeesto kaj partopreno de S-ro Mangada, kompetenta direktoro de HISPANA ESPERANTISTO. La sincereco, per kiu li parolas; la memoferema spirito, kiun elmontras ĉiumomente liaj paroloj, favoraj je niaj konvinkiĝoj, estis kortuŝantaj la plimulton el la Esperantistoj. Li agis kvazaŭ li estus estinta la vera animo de la Kongreso».

---

# MANUEL BENAVENTE

Ŝajnas, ke la terura hombuĉado, kiu ankoraŭ daŭras kvankam ne tiel terure, vundis morte la korojn de la antikvaj grandanimaj hispanaj Esperantistoj; alia entuziasma je Zamenhof, mi diras je Zamenhof, ĉar en ĉi tiu familia nomo koncernanta nian karan Majstron, koncentriĝas Esperanto kaj ĉia homamo; alia spertulo nelacigebla, ju pli klera kaj kompetenta des pli modesta, forlasis nin. Lia animo flugis al la Majstro la 13.an de Junio lasta!

S-ro Manuel Benavente, profesoro pri Matematiko, muzikverkisto, tre multe estimita estis en *Murcia*, tiun grandan estimon meritis liaj kompetenteco kaj laŭdindaj ecoj. Pace li ripozu!

Ankoraŭ estis esperantaj de li la *Murcia* Grupo, Zamenhofa Federacio, ĝenerale, la hispana Esperantistaro, fruktodonajn agojn kiam neatendite li mortis.

Mi ne volas silenti ion pruvantan lian modestecon: iam, mi petis je li lian portreton por la unua paĝo de ĉi tiu gazeto pro lia efika agado por kaj pro Esperanto; kaj, tagon, mi ricevis leteron de li kun portreto de S-ro Juan Ros Udria, kaj li diris al mi, ke S-ro Ros meritis pli ol li tian honoron. Mi ne atingis lian portreton, kaj estus granda honoro por la hispana Esperantistaro, ke lia bildo aperus sur la unua paĝo de HISPANA ESPERANTISTO; tial mi kuraĝis peti portreton lian al la familio kiun mi kondolencas je la nomo de la hispanaj Esperantistoj.

*J. M. R.*

N. B.

La familio komplezis le peton.

# ESPERANTISTA GRUPO "JEREZ"

## Ĝia historio

Tiu-ĉi Grupo estis fondita la 15.an de Decembro de 1918.a dank' al sindonema monhelpo de samideano, kiu nune fervore laboras en Kadizo por Esperanto kaj Naturismo.

De la unua momento Grupo disvolviĝis libere en domo propra, kaj kvankam ĝia ŝpara stato ne estis tre favora, ĝi tamen sukcesigis la kursojn.

Pri laboro por Esperanto, Jereza Grupo, ĉiam bone atentis kaj helpis direktorojn de Esperantismo.

La Grupo sin turnis al hispanaj voĉdonantoj en Interligo de Nacioj petante al ili, ke ili enkonduku Esperanton en la dirita Ligo.

Ankaŭ sin turnis al Ministro de eksteraj aferoj kun la sama celo.

Al la Ministro de Publika Instruado petante lin, ke li enkonduku eksperimentan kurson en publikaj lernejoj.

Ofte ĝi disdonis cirkulerojn inter laboristaj societoj, komercistoj k. t. p., celante ke ĉiu homo sciu ke Esperanto ekzistas, kaj ke ĝia lernado estas konvena. Tiu-ĉi celo estas preskaŭ atingita.

La Grupo Jerez helpis Grupon «Libera Stelo» el Barcelono, kiam ĝi sin turnis al laborista kongreso (Decembro 1919.a Madrido) petante ke la Kongreso akceptu Esperanton por ĉiuj internaciaj kongresoj. Ligna-



S-RO PETRO NARANJO
Entuziasma samideano dankal' al kiu Esperanto progresas rimarkinde en Jerez (Cádiz)

ĵista delegito el nia urbo en la nomita kongreso, ankaŭ reprezentis nian Grupon (li estis esperantisto) kaj helpis tiun ĉi ideon.

Literaturaj festoj estis arangitaj en nia Grupo, kaj en ili samideanoj paroladis pri Esperanto kaj pri ĝia utileco.

En la pasinta Majo la Grupo sin turnis al ĉiuj laboristaj societoj petante al ili, ke ili helpu mone nian movadon. Kelkaj el ili donos al nia Grupo monatan subvencion, kiu mi supozas atingos ĉirkaŭ 85 pesetoj ĉiumonate.

La Grupo translokiĝis al strato Cruces, 6, ĉar nia antaŭa loĝejo ne estis sufiĉa por ni. Baldaŭ okazos oficiala malfermigo de la nova loĝejo per literatura festkunveno.

Post unu monato ni aranĝos ekskurson al Kadizo.

Esperantista Grupo «Jerez» havas solan lemon «ĉio por Esperanto kaj por ĝia interna ideo».

Sub la verda standardo ni kuniĝas, kaj la verda koloro de niaj insignoj, kiu signifas por ni «espero», donas al ni la konvinkon ke Esperanto baldaŭ triumfos, kaj per ĝi la homaro estos liberigota.

La Sekretario de Jereza Grupo,

*P. N.*



## Laboru ni!

Jes; ni devas senĉese labori por disvastigi nian belan lingvon, ne timante mokojn, ĉar ĉiam ili devenas de nesciuloj kvankam ili estu konsideritaj inter iliaj samtempuloj kiel kleruloj.

Laborante por nia bela lingvo, ni laboras por tutmonda paco, por ke homoj estu vere fratoj, por ke nur amo regu sur la tero.

Esperantistoj ne devas malami; nur devas ekzisti malamo por la malamo, kiel skribis glora franca verkisto Anatole France, kaj tiel, ni atingos nian celon, kies vojon montris al ni nia kara Majstro D-ro Zamenhof «ke la tuta homaro estu unu sola familio».

Nunaj tempoj estas tre favoraj por nia propagando; la milito komprenigis la homojn, ke ili ne devas mortigi unu la alian, ke ili devas ĝui sur la tero pacon, feliĉon kaj amon; tial kvankam instruado multe mankas ili bone akceptas ideon kiu promesas al ili ĉiaman pacon.

Ne laciĝu gesamideanoj! Laboru por ke nia lingvo estu akceptota en publikaj lernejoj, por ke pligrandiĝu la nombro da esperantistoj, por ke ni havu multe da gazetoj, kaj por ke nia bela HISPANA ESPERANTISTO estu ĵurnalo: tiel ni estu bonfaremaj por la homaro.

*Pedro Naranjo*



## Al Kadizaj esperantistoj

Kial vi ne kuniĝas kiel sola homo? Kial vi ne laboras en la nova Grupo? Kial vi ne helpas homon kiu laboras senlace por kaj pro Esperanto?

Aliĝu samideanoj al nova Grupo!

Laboru en ĝi por instrui la junularon, kaj post malmulte da tempo, vi kaj viaj filoj kolektos la fruktojn de via hodiaŭa laboro.

Homaro estos pli feliĉa ol hodiaŭ, kaj benos la homojn kiuj laboris por ĝia feliĉo.

*Esperantista Grupo "Jerez"*

---



KAPITELO REPREZENTANTA LA NAŜKIGO DE JESUO

(San Juan de la Peña)

# Printempa Vespero

Mi sidas en la ĝardeno.
La sun' ekfinas subiri,
kaj birdoj ŝajnas sopiri
pro proksima ombralveno.



Sin elmontras la Naturo
belega kaj fruktodona!...
La sonorilo belsona
preĝalvokas de la turo.



Papilioj plenkaprice
flugas de plant' en alian
elmontrante amon sian
frenezan, sed senmalice.



Rapide flugas abeloj,
multaj el floroj gustumas,
dum aliaj ĝoje zumas
promesante pri mieloj.



De la simpatia grilo,
kiu pro kantad' ne penas,
akrasone al mi venas
la tre monotona trilo.



De pino, supren lekantoj,
al mi pri am' diras jese
la najtingalo, senĉese
per siaj belegaj kantoj.



De tritikejo proksima,
en kiu koturno nestas,
al mi ĝia kant' alestas,
la forta kanto sentima.





Kaj de l' valo, de la fundo,
sur kiu rivero fluas
kaj por eterne ĝi bruas,
la bojo de iu hundo.



Movas la dolĉeta vento
de la floroj la petalojn
kaj la belegajn konvalojn,
kiujn ŝatas mia sento.



La venteto tra l' folioj,
kiel murmuron ĝi faras,
kaj plenavide mi flaras
la parfumon de lilioj.



Estas la sentiga horo!
Kiam pri am' oni revas
kaj la puran senton levas
al ŝi de l' fidela koro!!!

El la Historia-Novelo «Ferdinando VI.ª kaj Farinelli», originale vers-proze verkita de

*Julio Mangada Rosenörn*

---



PORDO DE LA KAPELO DE «SAN VICTORIAN»

(San Juan de la Peña)

# Esperantista Akademio

## Du konsiloj al la Esperantistoj

Ĉar Esperanto estas vivanta lingvo, la Akademio havas nek la rajton, nek la povon trudi aŭ malpermesi ion ajn, sed la rajton ĝi havas kaj la devon doni konsilojn.

1.e La Akademio konsilas.—Krom en okazo de absoluta neceso uzi nur tiujn radikojn, prefiksojn kaj sufiksojn, kiuj troviĝas en la Universala Vortaro kaj en ĝiaj oficialaj Aldonoj. (Vidu «Oficiala Gazeto.»

Ĝi cetere nun preparas trian aldonon al la Komuna Vortaro kaj organizos prilaboradon de teĥnikaj vortaroj kun helpo kaj kunlaborado de spertaj Esperantistoj kompetentaj en ĉiu teĥnika fako.

2.e Aparte «pri landnomoj», ĝi «insiste» kaj «forte» konsilas, precipe al la Gazetoj, sed ankaŭ ĝenerale al ĉiuj Esperantistoj, kiuj konscias ke disciplino estas absolute necesa, por konservi la unuecon de nia lingvo, uzi nur la Fundamentan kaj tradician finiĝon *ujo:* «Turkujo», «Rusujo», «Germanujo», ktp.

La Akademio memorigas, ke jam en la jaro 1909 ĝi «oficiale» voĉdonis «kontraŭ» la sufiikso *i* por landnomoj. La rezultaton de tiu voĉdono ĝi publikigis en «Oficiala Gazeto», 25 Aprilo, 1910, p. 326.

Akcepto de la sufikso *i* por landnomoj ne sole estus grava ŝanĝo en nia Fundamento, sed ankaŭ signifus plenan disfalon de la tuta Esperanta sistemo, en kiu la vorto «Turkio», ekzemple, nur povas havi la sencon «Turk-io», io turka aŭ turkaĵo, tute same kiel «bon-faro» signifas «faro-bona». La vorto *io* jam ekzistas en Esperanto, kiel memstara vorto, kun la senco «quelque chose», «etwas», «anything», kaj ĉar laŭ klarigoj de D-ro Zamenhof mem (Fundamenta Krestomatio, p. 249; Lingvaj Respondoj—dua serio—p. 30; Oficiala Gazeto, 25 Aprilo 1910, p. 324), ankaŭ prefiksoj, sufiksoj kaj gramatikaj finiĝoj efektive estas en nia lingvo nur memstaraj vortoj, tute similaj al la ceteraj, tial al la vorto *io* ni ne povas nun doni la sencon «lando».

N. B. Laŭ apliko de la artikolo VII 2 de la regularo, la Akademio decidis, ke S-ro de Saussure ne plu estas membro de la Akademio, nek de la Lingva Komitato.

Jen la nunaj Akademianoj:

Th. Cart, P. Christaller, P. Corret N. Evstifejeff, A. Grabowski, E. Grosjean-Maupin, V. Inglada, E. Kühnl, P. Lengyel, Dr. Mybs, P. Nylen, Ed. Privat, J. M. Warden, A. E. Wackrill.

---

Oni petas por ĉi tiu revuo raportetoн ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn,*** Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.° 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

---

# KONSENTO REGU

Mi ne estas lingvisto, nek mi celas esti altrangulo ĉe la Esperantistaro; mi nur estas fervora batalanto por triumfigi Esperanton, entuziasme «fundamentema», kaj tiel mi min montris, montras kaj montros per mia laboro; tial mi bedaŭras ĉian barakteton ĉe ni, ĉar konsento, kaj se ne konsento, toleremo, sed neniam altrudo, devas unuigi ĉiujn membrojn de la ankoraŭ ne «granda rondo familia». Tial, iam, sur ĉi tiu gazeto aperis opinio senpartia, tute sincera, pri uzo de *uj* kaj *i* aŭ *io* por la nomoj de nacioj; kaj ĉi tiu opinio ne estas mia sole, ankaŭ estas de multenombraj hispanaj Esperantistoj. Kaj tial ke finnlanda cirkulero citas ĉi tiun gazeton, kiel unu el tiuj uzantaj *i* aŭ *io* anstataŭ *uj* «kvankam parte», mi lastafoje parolos pri la afero.

Por mi kaj multenombraj hispanaj Esper-

antistoj tiel «fundamenta» estas *uj*, kiel *i*; por mi kaj multenombraj hispanaj Esperantistoj, ĉiu rajtas uzi *uj*, aŭ *i*. Tial, mi, memvole, kvankam ŝatas pli *i*, ol *uj*, forlasis la uzadon de *i* bedaŭrante la barakton, ĉar «konsento» estas necesa nepre por starigi la «grandan rondon familian»; sed mi ne povas altrudi la forlason al tiuj kiuj volas uzi *i* anstataŭ *uj*, kaj verkas aŭ aperigas ion sian sur ĉi tiu gazeto. Jen kial ĉi tiu gazeto uzas parte *i* anstataŭ *uj*.

Nunaj okazantaĵoj postulas pli kaj pli Esparanton, kiu, kiel «vivanta lingvo» de popolo tutmonda, kreskadanta senĉese kaj rimarkinde, kiel «sola ilo kapabla» ligi la korojn de ĉiuj homoj, tre multenombregaj en ĉiuj nacioj, sentantaj «internan ideon», kvankam nekonsciantaj ankoraŭ pri nia kara lingvo, ne povas perci pro bagateloj personaj; «bagatelo» estas pensi pri risko okazigata de *i*; «persona» estas, ĉar ne estas fundamento alia.

Ni, la Esperantista Popolo, havis grandan sorton; granda sindonemulo, alia Mesio, donis al ni perfektan lingvon pli por «ligi la korojn», ol por «ligi korpojn kaj cerbojn», kaj eĉ la Mesio diris al ni, ke «se nur por ligi korpojn kaj cerbojn taŭgus Esperanto, oni devus forlasi Esperanton». Tiuj, kiuj identiĝis kun la Majstro, ĉiuj fidelaj je li, sekvas sian vojon; kaj mi, ŝatante *i* pli ol *uj*, kiel ceteraj ŝatantaj same kiel mi, ne povas renversi «tion«, «kion» starigis LI. Ni tiel elpruvis kaj elpruvas abomenante «reformemulojn», kies reformemeco estas rezultato de fiereco kaj envio celantaj depreni de LI iom da LIA SOLA GLORO; ni tiel elpruvas per nia agado konstanta.

Uzante *i* anstataŭ *uj* ni ne deflankiĝas de la FUNDAMENTO. La Majstro donis al ni la vortojn «Alĝerio», «Alĝero», «Meksikio», «Meksiko» (ekzemple): «Alĝerio» kaj «Meksikio» por la landoj; «Alĝero» kaj «Meksiko» por la urboj. Ni analizu «fundamente» la vortojn. Kiuj estas la radikoj de la vortoj? «Alĝer'» kaj «Meksik'» ĉu ne? kio estas *o*? Finiĝo de la substantivoj esprimataj de la radikoj, ĉu ne? Nu, kio estas *i*? Ĉu ni ne rajtas konsci, ke en la vortoj «Alĝerio» kaj «Meksikio», *i* signifas «lando'n», laŭ konscio de la Majstro mem, tial ke LI lasis «Alĝer-o» kaj «Meksik-o» por la ĉefurboj de tiuj landoj? Kaj se *i* koncernas «lando'n» en tiuj vortoj, ĉu ni ne povos konsideri *i* memstara vorto kaj apliki ĝin ĝenerale laŭ la FUNDAMENTO mem? Tio ĉi estas argumenti logike kaj «fundamente», ne elirante tangente el la afero: diri ke «Hispan-io» estas *io* «hispana» estas tiel naive, kiel diri ke «Hispan-ujo» estas *ujo* por enfermi aŭ enteni «Hispanon», estas «skatolo» por enteni «Hispanon», aŭ «ĉerko» por enteni vivantan aŭ mortintan Hispanon?, ĉu ne? Ĉu ne estus blasfemo diri ke «Alger-io» estas *io* «Algera», *io* de Alĝero? Ĉu ankaŭ ne estus blasfemo diri ke «papero» estas «ero el papo»?

Nenion pli; nenion plu.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Barcelona.**—Ĵus sukcese kaj rimarkinde la Grupo «Paco kaj Amo» fermis la elementalan kurson gviditan de S-ro Roig, kiun finis 42 gelernantoj. Kvankam la kurso komenciĝis je la 7.ª de Majo, la gelernantoj sufiĉe bone progresis pere de «Kursa Lernolibro» de Privat, kaj «Primeras lecciones» de Inglada.

La Grupo festis la 33.an datrevenon de la apero de la unua lernolibro esperanta per ekskurso al «Vallesisana» apud «Moncada»; 75 gesamideanoj estis la ekskursantoj, ĉiam ĝuantaj fratecon kaj akirantaj energion por plua obstina lakoro al triumfo de nia afero.

*Por Aŭstria infanoj.*—Disvolvante du interesegajn temojn, S-roj Jozefo Serrat kaj Rómulo S. Rocamora, faris paroladojn en la sidejo de la Societo Orfeó de Sans en Barcelono, la 12-an de Junio 1920.

Priparolante pri la infanoj orfaj kaj malsategaj en Aŭstrujo, S-ro Serrat adresis fervoran preĝon al la idealoj de frateco kaj bonfarado, kaj elmontris per kortuŝantaj terminoj la mizeron regantan tiun landon, venkita kaj dispecigita de kvar jaroj da terura milito, kaj li deklaris, ke estas necesega kaj homama respondi al la angoraj krioj de la infanoj kondamnitaj mortadi pro la malsatego. Li aldonis, ke Barcelono ne devas esti superata je tio, de aliaj urboj kiel Zaragoza, Tarrasa, Sabadell, Huesca, k. t. p., kiuj jam akceptis granda nombro da gastigotaj infanoj. Li vokis al la proverbaj sentoj gastemecaj de la urbo Barcelono, konfidante, ke tiu ĉi scios respondi al la honorinda tradicio, kiu ornamas sian nomon antaŭ la mondo.

S-ro Rocamora pritraktis la esencon de la afero, dirante, ke sciante, kiel tiuj infanoj scios, Esperanton, malaperas, almenaŭ por la esperantistoj, ilia fremdeco.

Li diris, ke por malaperigi la rememoron de iaj hontaj faktoj kaj legendoj, kiuj malhonoras Barcelonon, la plej efika rimedo estos tiuj infanoj mem, kiam, gastigitaj, ili revenos en sian landon.

La konceptoj rilataj al la graveco de la «Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj», centro de la disertacio de S-ro Rocamora, travidebliĝis je vibrantaj paroloj, sin turnante li ĉiam al la altega doktrino de la homoj reprezentantaj la Barcelonan animon: Durán y Bas, D-ro Robert, J. Anselmo Clavé, Pi y Margall, Johano Maragall.

Li diris, ke estas necese rilatigi tiun ĉi propran animon de la urbo kun universaleca sento kaj ke nenio sin adaptis tiom al la profunda ideo, kiel la alpreno de Esperanto, lingvo komuna, helpa, vere internacia en niaj tagoj, elokventa tributo al la latina raso, grandega instrumento por starigi fruktodonajn rilatojn de homa frateco universala.

Li forrifuzis per energiaj vortoj tion, ke la genia kreitaĵo de D-ro Zamenhof signifas malaperigi la naturajn idiomojn, tial ke Esperanto respektas ĉiujn kaj ilian superregon, estante nur kompletiga helpa ilo, kiel tia estas la dekobla metra sistemo.

Li aldonis pri la dirita Kunveno, ke al ĝi estis turnataj la okuloj de miloj da Esperantistoj, t. e. de homoj de sana koro kaj animo, kiuj tra la tuta mondo sentas la neceson sin kompreni reciproke por atingi la regadon de la universala paco.

La paroloj de ambaŭ oratoroj meritis korajn aplaŭdojn de la multenombra ĉeestantaro.

Multaj el la ĉeestantoj alproksimiĝis por rigardi multenombrajn esperantistajn gazetojn el diversaj landoj.

En la Teatro Doménech, el Rubí, okazis la 26-an de Junio nokte kunsido por Aŭstriaj Infanoj, sub la prezido de la urbestro, S-ro Mallofré kaj kun multenombraj ĉeestantoj.

S-ro Chaler parolis je la nomo de la esperantisto el Tarrasa, laŭdante la agadon de la esperantistoj en la homamaj faroj, rimarkigante la diferencon, kiu ekzistas inter nia propagando kaj tiu de aliaj, kiuj disvastigas aliaj dektrinojn je la nomo de la homamo, frateco, k. t. p., kiel tion pruvas la fakto sin okupi pri la Aŭstriaj infanoj.

S-ro Serrat komencis dediĉante grandan laŭdon al la loĝantoj de Rubí, pro la pruvoj de estimo al la esperantistoj, kiujn dirversfoje ili liveris, konfidante, ke ankaŭ en tiu ĉi soleno ili donos ankoraŭ pruvon pri siaj noblaj sentoj. Li varme rekomendis al la Rubianoj ke ili fondu laboran komitaton por gastigi kelkajn infanojn en sia urbeto, kiel ankaŭ oni faras en multaj aliaj el Hispanujo, vidigante per tre brilaj paragrafoj la malgajan staton, en kiu sin trovas la centreŭropaj nacioj kaj precipe la infanoj, kiuj petadas helpon al la fratoj en aliaj landoj, instigante la gepatrojn, ke ili ne estu kvazaŭ surdaj al la voĉoj de tiuj infanetoj, ĉar ili ankaŭ dezirus, ke oni aŭdu siajn, se okaze ili troviĝus en tia situacio.

La urbestro, S-ro Mallafré, atentinte la parolojn de ambaŭ oratoroj, rekomendis, ke oni ne lasu perdi la semon semita en tiu festo montrante, ke Rubí scias okupi la lo-

kon, kiu apartenas al ĝi en homfido kaj konstanto necesaj en tiuj agoj, kaj dankinte la paroladintoj kaj ĉeestantoj, li fermis la kunsidon.



**Esperantista Grupo de Jerez.** – Dimanĉon, 1.an de Aŭgusto, la Esperantista Grupo de Jerez okaze de la malfermo de kurso faris feston al kiu oni invitis gravajn personojn, lokajn ĵurnalojn kaj prezidantojn de la laboristaj societoj.

Prezidis la feston la poŝtoficisto S-ro Antonio Valle kaj ĝin malfermis per parolado salutanta invititojn kaj kamaradojn de Cádiz, kaj klariganta kio estas Esperanto.

S-ro Pedro Naranjo, Sekretario de la Grupo, parolis pri deveno kaj progreso de Esperanto ĝis hodiaŭ. kekve, legis siajn literaturajn temojn S-roj Alfredo Campos, Antonio Lazo, José Rivera, Salvador Aguilera, Tomás Lafuente kaj Luis Ismaz, ĉi tiu lasta speciale aŭdis multajn aplaŭdojn.

S-ro Juan Bello, antikva laboristo kaj hodiaŭ ĵurnalisto, parolas entuziasme konsiderante Esperanton kiel komunaĵon de la societo de li aspirita.

S-ro Antonio Roma sin montras kontenta pro la entuziasmo elmontrita de la ĉeestantoj por la kulturo, laŭdas S-ron Alfredo Campos, vinlaboristo, edukita de vaganta profesoro en la kamparo mem, tial ke Campos estas modelo imitinda, ĉar per studo kaj laboremeco nur oni povos rompi egoismojn kaŭzantajn socian malbonstaton nunan. Li rekomendas studi Esperanton kaj proponas malfermon de kursoj por la nealfabetuloj kaj pri Geografio en la grupejo, kaj fine al la virinoj ĉeeston al samaj kunvenoj.

La prezidanto resumas la paroladojn kaj kuraĝigas unuiĝi sub la verda flago de Esperantismo.

Estis koncerto, kaj oni distribuis diplomojn al plej fervora, kaj sukcesintaj lernantoj de Esperanto kaj Hispana Gramatiko.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

S. Esvertit.—Vendrell (Tarrogona), Hispanujo.—Deziras korespondadi kun gesamideanoj precipe kun siaj antikvaj gekorespendantoj·

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo).—Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

Gerardo Fernández Pérez.—Deziras korespondadi kun esperantistaj tajloroj pri vesttondarto. Str. Cabestreros, 3, 2.°. Madrid (Hispanujo).

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

S-ro Sidonio Pintado, Bailén, 28, Grupo Escolar. Madrid (Hispanujo). Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava ĵurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U.E.A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

S-ro Radó Béla. Luĉenec (Ĉeĥoslovakio).—Deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn, poŝtmarko bildflanke, kun ĉiulandaj gesamideanoj. Tuj respondas.

Kapitano Dimitre Gerénof. Str. Hilendar, 8. Sofía (Bulgario).—Deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn, ankaŭ vendas bulgarajn maloftajn. Tuja respondo.

S-ro Armas Pullinen. Johanneksentie, 8. Helsinki (Finnlando).—Interŝanĝas poŝtmarkojn.

S-ro Raoul Holewyek. 32 rue de l' Ourthe. Bruxelles (Belgique).—Deziran interŝanĝi poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn.

S-ro Joseph Pumr, Instruisto, Ueaano 14451.ª en Hradek Králové II (Ĉeĥoslovakio). Inlerŝanĝas postmarkojn po 100-500. Tuja respondo.

Rudolf Schmidt, en Gresten (Aŭstrio).—Interŝanĝas poŝtmarkojn, kolektantoj gin turnu al mi!

Miguel Ribas de Pina, Komandanto de la 10.ª Regimento Artileria, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi hispanajn ilustritajn gazetojn kontraŭ revuoj (nur ilustritaj) aŭ jam legitaj libroj en Esperanta, Franca, Itala kaj Portugala lingvoj.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid